

# La Amsterdama Katedro

**Informilo pri agadoj rekte ligitaj al la katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo.**

Kompilas: Wim Jansen (WJ)
Aperas: komence de ĉiu kvaronjaro
Kiel: PDF-dosiero alkroĉita al retcirkulero
Reagu al: wimjansen@casema.nl

Numero (12) 4/2010, oktobro 2010

---

*La Amsterdama Katedro* estas kvaronjara retbulteno, kiu informas pri ĉiuj agadoj, rekte ligitaj al la speciala katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo (UvA). Por la estraroj de Internacia Esperanto-Instituto (IEI) kaj de la LA de UEA *Esperanto Nederland* ĝi estas kvazaŭ perioda raporto pri la stato de institucio, kiun ili kune financas. La bulteno direktas sin al ĉiuj interesitoj en la Esperanto-movado, kiuj trovu en la enhavo stimulon por diskonigi la ekziston kaj la rolon de la katedro, kaj ideojn por sia propra informado pri Esperanto. Ĉi tiu dokumento estis aktualigita la 3an de oktobro 2010 kompare kun la versio de la 7a de julio 2010.

**La ĉefaj projektoj**

**Instr-I** Jam antaŭ la someraj ferioj registriĝis ses studentoj por la aŭtuna kurso pri interlingvistiko. Post iom da oscilado dum la unua semajno de la kurso, fine restis sep studentoj. Tiu nombro signifas drastan falon, fakte duoniĝon, de la kursanaro kompare kun la meza nombro dum la lastaj jaroj. La malpliiĝo ne estas klarigebla el iu ajn prognozo. Ankaŭ en la manko de varieco estas granda diferenco kun antaŭaj jaroj: nur du devenoj estas reprezentataj, tiu de la ĝenerala lingvistiko kaj tiu de la nederlanda lingvo. Tute mankas aliaj lingvoj kaj mankas eksterlingvaj devenoj, kiuj tradicie ĉeestis. La studentoj estas listigitaj ĉi-sube, kune kun siaj ĉefaj fakoj,

| | St. Nr. | Naam | Studierichting |
|---|---|---|---|
| 1 | 6187455 | Berntzen, Björn | Taalwetenschap |
| 2 | 6068510 | Doorn, Kees van | Taalwetenschap |
| 3 | 6147550 | Jonges, Joos | Taalwetenschap |
| 4 | 0159301 | Klerk, Thomas | Nederlands |
| 5 | 5928362 | Leonhard, Olga | Taalwetenschap |
| 6 | 6049036 | Nieukerken, Max | Taalwetenschap |
| 7 | 5861780 | Vellekoop, Fimke | Nederlands |

La programo pivotas ĉirkaŭ la ĉi-jara eldono de la kurslibro kaj sep individuaj esplortaskoj, pri kiuj mi raportos en la sekvonta numero de tiu ĉi bulteno. Diferenco kun ĉiuj antaŭaj jaroj, sekve al la foriro de Atilio, estas la neokazo de Cseh-metoda provleciono de Esperanto.

**NTU-E** La 19an de novembro, okaze de la tridekjariĝo de Nederlandse Taalunie (NTU; Nederlanda Lingvo-Unio) aperos la plurcentpaĝa verkego *Nederlandse woorden wereldwijd* (Nederlandaj vortoj tutmonde), kiu donos detalan priskribon de la eksporto de vortoj el la nederlanda lingvo (en ĝiaj diversaj historiaj fazoj de la frua mezepoko ĝis la hodiaŭa tago) kaj listigos eksportaĵojn en 135 lingvoj tutmonde. Kiel redaktoro por Esperanto kaj la eŭska lingvo, mi esploris ambaŭ lingvojn sur la bazo de antaŭe establitaj listoj de miloj da pli malpli certaj nederlandaĵoj en aro da lingvoj, kiuj povus esti funkciintaj kiel pontlingvoj por ilia plumigro. Tiuj pontlingvoj estas la franca kaj hispana por la eŭska, kaj unuavice la angla, franca, germana kaj rusa por Esperanto. Aliaj eventualaj pontlingvoj ne estis principe ekskluditaj kaj ankaŭ rektaj elnederlandaj transprenoj estis konsiderataj. Laŭ tiu metodo, 231 Esperantaj kaj 100 eŭskaj nederlandaĵoj estis malkovritaj – preskaŭ ĉiuj nerektaj. Nun estas preparata la pli detala datenbazo, kiun NTU enretigos por esploraj celoj. Pri ĝia apero informoj sekvos en iu venonta numero de tiu ĉi bulteno.

**Daŭre atentindaj**

- La universitata kolekto pri interlingvistiko, esperantologio kaj interlingvistiko estas trovebla sub: http://cf.uba.uva.nl/nl/. De la bonveniga paĝo alklaku 'UvA catalogus' kaj serĉu libron, uzante la eblojn de la prezentata serĉ-roboto. Alternative, oni povas alklaki 'Geavanceerd zoeken' kaj de tie apliki diversajn filtrilojn, inter kiuj vi povas elekti la lingvon 'Esperanto'. La paĝaro disponeblas ankaŭ kun instrukcioj en la angla lingvo.

**Aktualaĵoj**

- La studentino Rosa Gunsing, kiu en du sinsekvaj jaroj finis la kursojn pri interlingvistiko kaj pri Esperanto faris esploron pri Esperanta gramatikaĵo kadre de sia kurso pri 'Metodologiaj Teknikoj' prepare al sia esplormagistreco (tiu nivelo de magistreco, kiu permesas al la studento kandidatiĝi por doktoriga kariero). Ŝi verkis studon sub la titolo *The placement of temporal adverbs in Esperanto*. La verko estas deponita ĉe GIL kaj ĝia ekzisto estos anoncita en la fakaj bultenoj Ipi kaj IntI.

- La studentino Manon Fleur, kiu en 2008 sukcese finis la kurson pri interlingvistiko, finverkis sian bakalaŭran disertacion sub la titolo *English and Esperanto: Two languages for international communication*. Ankaŭ tiu ĉi verko estas deponita ĉe GIL por pli vasta diskonigo (kaj laŭpeta disponebligo).

- La kurslibro pri interlingvistiko, kiu laŭ mia informo en la pasinta numero de tiu ĉi bulteno, ne aperos kiel komerce havebla libro, estas ree havebla en la fakultata vendejo, en la eldonkvanto necesa por la unuasemestra kurso de 2010-11. Favore al la kursoj 2011-12 kaj 2012-13 ĝi estos laŭbezone aktualigita.

- Sub la titolo *Esperanto: a language made transparent?* mi preparis kontribuon pri Esperanto al kompara studo pri la gramatika fenomeno 'travideblo' (*transparency*) laŭ la perspektivo de la Funkcia Diskursgramatiko. La studo traktas kelkajn lingvojn de tute malsamaj lingvofamilioj kaj aperos komence de 2011 kiel publikigo de ACLC (Amsterdam Centre for Language and Communication), la esplorcentro pri lingvistiko de UvA. Intertempe estas preparita germanlingva prilaboraĵo de ĉi-supra studo sub la

titolo *Wenn grammatische Transparenz ein Ziel des Esperanto war…* por prezentado kaj diskutado dum la 20a jarkunveno de GIL en Berlino en novembro de tiu ĉi jaro.

- La anglalingva premiero kaj la germanlingva versio (kun malsamaj akcentoj) de ĉi-supraj esplorrezultoj signas la unuajn paŝojn de pli grandskala esplorado, per kiu mi planas plenumi la katedran esplortaskon ĝis la fino de mia mandato en 2013. Loki Esperanton en la kadron de la Funkcia Diskursgramatiko ligas la lingvon al grava nuntempa lingvoteorio, kiu havas Amsterdamon kiel unu el siaj ĉefaj centroj. Post jardeka ekzisto de la katedro jam ne necesas lukti por tio, ke oni konsideru Esperanton kiel 'normalan' lingvon. Nun montriĝas, ke la trakto de Esperanto en la kadro de la Funkcia Diskursgramatiko komencas kontribui al pli klara kompreno de tiu universala teorio mem. Antaŭvideble, la rezultoj de la esplorado donos la okazon publikigi nombron da eseoj kaj artikoloj pri la Esperanta gramatiko, en Esperanto, konsekvence laŭ la perspektivo de unu lingvoteorio – diference de ĉiuj aliaj ĝisnunaj gramatikaj priskriboj de Esperanto, kiuj estas aŭ strikte observaj kaj entute neklarigaj, aŭ klarigaj laŭ klasika lerneja gramatiko spicita jen kaj jen per iu moderna aldono.

- La 1an de oktobro okazis la doktoriga ceremonio de s-ino Loulou Edelman, kiu defendis sian disertacion *Linguistic Landscapes in the Netherlands. A Study of Multi-lingualism in Amsterdam and Friesland*. La disertacio pritraktas la lingvo-elekton sur publikaj kaj privataj platoj, tabuloj, insignoj, ktp. en la stratoj de niaj urboj (la 'lingva pejzaĝo', kiu estas moderna temo en la socilingvistiko). Bedaŭrinde, la verko montriĝas limigita al priskriboj kaj observoj, kaj nek provas klarigi certajn fenomenojn, nek tuŝas la ligon kun iu eventuala lingvopolitiko. Okaze de la doktoriga procezo, kaj poste, mi sukcese diskutis pri la nepra neceso ligi studojn pri la lingva pejzaĝo al aspektoj de lingvoplanado kaj de lingvopolitiko, kaj laŭ tio strukturi la taskojn por estontaj doktorigaj esploroj.

- La 27an kaj 28an de januaro 2011 okazos internacia kaj interdisciplina konferenco en UvA, kunlabore kun la Instituto 'Huizinga' pri Kultura Historio, pri la temo *European Encounters. Intellectual Exchange and the Rethinking of Europe (1918-1945)*. La (anglalingva) konferenco antaŭvidis programeron pri la kontribuo de la Esperanto-movado al la renasko kaj kultura renovigo de Eŭropo post la Unua Mondmilito. Bedaŭrinde la kandidata preleganto ne sukcesis interkonsenti pri sia prelegotemo kun la organizantoj de la konferenco.

- Post prezentado fare de Toon Witkam ĉe IEI, la 4an de septembro, de la komputila programo ESPSOF, mi mem instalis la programon kaj ekfunkciigis ĝin. Jam en sia nuna versio, sed eĉ pli efike post la planata aldono, kiu ebligos esplorojn per Google, la programo povus esti ege interesa por studentoj, kiuj planas esplorojn pri Esperanto, uzante ampleksajn tekstarojn. La alkroĉita cirkulero estis sendita al la 58 studantoj kaj studintoj pri interlingvistiko kaj Esperanto, kiuj estas stokitaj en mia retpoŝta adresaro (adreso kutime malaperas, kiam studento forlasas la universitaton).

**Publikigoj kaj recenzoj pri publikigoj**

'Pri la natureco de vortordoj en Esperanto', artikolo en *Aktualaj lingvistikaj, filologiaj kaj metodikaj problemoj en la instruado de fremdaj lingvoj en nelingvaj altlernejoj* (red. A.S Melnikov), Rostov apud Dono (2009).

'Naturaj vortordoj en Esperanto' (Roterdamo, UEA, 2008), recenzoj de SIBAYAMA Zyun'iti kaj de KIMURA Goro Christoph en *Japana Esperantologio*, num. 4/2010: 27-33.

'La Fundamenta Esperanto: nekontesteble eŭropa, sed…' (Roterdamo, UEA, 2010), recenzo de Federico Gobbo en *Esperanto*, num. 1240/10: 205.

Wim Jansen,
la 3an de oktobro 2010

# ALDONO al n-ro 12 (4/2010)

## Software voor taalkundig onderzoek Esperanto-teksten

Wie taalkundig onderzoek wil doen in corpora van gedigitaliseerde Esperanto-teksten hoeft zich niet meer alleen te behelpen met de zoekfuncties in Word en veel handmatig werk. Van de site http://www.espsof.com kun je het pakket ESPSOF (versie 0.95) gratis downloaden. De software is ontwikkeld door mijn collega ir. Toon Witkam, die aan de sponsororganisatie van mijn leerstoel, het Internationaal Esperanto-Instituut in Den Haag, verbonden is en zich met taaltechnologie bezighoudt. ESPSOF biedt een aantal interessante opties voor het werken met heel grote bestanden.

De ESPSOF-software is te gebruiken voor de controle achteraf, en revisie, van zelf gemaakte teksten. Ook kun je een tekst volledig in morfemen laten ontrafelen of samengestelde woorden (composita) laten opzoeken. Je kunt woorden in hun context laten opzoeken en op die manier bijvoorbeeld onderzoek doen naar het vóórkomen van bepaalde neologismen in een tekst. Ben je geïnteresseerd in het gebruik van een lexicale stam als *verd'* GROEN in de syntaxis, dan krijg je met het zoekwoord verd- alle voorkomens van het (niet verrassende) adjectief *verda* 'groen', maar ook van *verdo* 'het groene', het predikaat *verdas* 'is groen', etc., dit alles in de in aanmerking komende declinatie- en conjugatievormen. Stijlanalyses worden vergemakkelijkt door de module KVEK, die gezamenlijke voorkomens van woorden, concordanties, opzoekt, waarbij een voor- en achterveld van bijv. 10 woorden per treffer gegeven wordt.

ESPSOF is gecodeerd in Visual Basic for Applications en werkt als macro onder Word. Het pakket is compatibel met Word en Excel versies vanaf 2000. Het downloaden uit de boven genoemde site gaat snel, evenals het uitpakken en installeren, en wie toch een probleem ondervindt, kan via de site per mail om assistentie vragen.

In november wordt ESPSOF uitgebreid met de zgn. GUGLO-KVEK-module, die het zoeken naar concordanties op Google mogelijk maakt. Hoewel het aantal digitaal beschikbare klassieke en moderne Esperanto-corpora niet onaanzienlijk is, opent Google de deur voor onderzoek naar nog veel meer en in de eerste plaats naar het niet-gecensureerde, niet-geredigeerde taalgebruik van alledag van waar ook ter wereld.

Mocht er belangstelling zijn, dan kan ik t.z.t. wel een demonstratie op de UvA regelen, bij voorkeur dan, wanneer de GUGLO-KVEK uitbreiding beschikbaar is. Laat mij weten of je daarbij zou willen zijn!

Vriendelijke groet,
Wim Jansen,
Docent interlinguïstiek en Esperanto